3.a JARO N.o 34 DUONMONATA ESPERANTO-GAZETO 15 MARTO 1938

# Popola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA VALENCIA (Hispanio)
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25

# Ĉu la mondo revenas al la barbareco?

Jam sonoris la horo decida! Jam aperis la lasta ŝanco, kiu utilas al la internacia Demokratio por respektigi ĝiajn rajtojn. Ĉiu minuto, kiu forpasas sen konkretaj agoj, estas pli malfacila. Kaj la horoj kuras treege rapide! Atendi pli estas konfirmi la pereon de ĉiuj fragmentoj de Civilizo, kiuj restas ankoraŭ en Okcidento. La momentoj estas gravegaj por la sorto de la mondo; sed nepre, oni devas ilin alfronti serene k ankaŭ sen manko de energio. Spite al ĉiuj baroj! Spite al ĉio!!

Ĉu tio havas ian riskon je milito?... Nu, bone! Oni povis oportune tion eviti, k oni ne sciis—aŭ oni ne volis scii—profiti la momenton. Tiu adekvata cirkonstanco okazis, kiam Italio profanis la teritorion de Abisenio. Tiam eknaĝis, ĉe la Mediteraneo, la angla eskadro k tuj oni supozis, ke la atenco ne restus sen puno. Ne okazis tiel. Efektiviĝis la rabado! Poste, sekvis Hispanio en la vico. Kaj nun, post provokema bato, jam falis Aŭstrio. Kun bedaŭro oni pensas, ke nur kelkaj kanonpafoj, en oportuna tempo, certe estus difektintaj la flugilojn de la faŝistaj vulturoj. La Demokratio ĝuadus respekton. La malfortaj nacioj sentus fidon k spertus ŝirmon en siaj rajtoj k en siaj laboroj. Kaj en Hispanio, nun regus agrabla paco, anstataŭ kruela milito...

Kiel reagos la popoloj de Anglio k Francio, antaŭ la ĵusa piedbato de Hitler?... Ĉiuj homoj, kun emo al libero, klare jam tuj konstatas, ke la cedoj ne kuracas la frenezojn de l' Faŝismo. Tiu barbara doktrino lerte praktikas la politikon de provoko post provoko; krude ĝi starigas la dilemon: Strangoli ĝin; aŭ lasi sin strangoli de ĝi!

Se ne estus perfido, estus moko ĉiu pretendo je paca k amika interkonsento kun tia reĝimo, por kiu traktatoj k akordoj estas ĉifitaj senvaloraj paperoj, kies solenajn tekstojn neniam—neniam!—ĝi plenumis nek obeis, per apliko de friponaj metodoj el trompoj k mensogoj. En Aŭstrio, Miklas la Prezidanto submetiĝis, k Schuschnigg la kanceliero fiaskis. Ili pli preferis fordoni tuj sian landon al la ungegoj de invadintoj ol liberigi la socialistojn, armi ĉiujn popolanojn k ekbatali—pretaj venki aŭ perei—kontraŭ la hokokrucaj brigadoj. Nenian alian konduton oni povus atendi de homoj, lakeoj de ĉiuj aristokrataj kastoj, plaĉe akceptantaj la titolon de disĉiploj de Dollfus, fia murdisto de laboristoj antaŭ kvar jaroj...Ekde la momento, kiam iu ajn Seiss Inquart, servisto de Hitler, kaptis la regpovon, Aŭstrio jam ne plu ekzistas, kiel sendependa lando. La tre etaj restaĵoj de liberalismo tuj malaperos; la absurdaj k ekstravagancaj leĝoj de la germana nacisocialismo ekfunkcios. La judoj aŭstraj ne plu estos normalaj civitanoj, sed nur tute senrajtaj parioj, en sia propra naskiĝlando. La minaco kontraŭ la novaj najbaraj landoj estas jam rekta...

Apoteoze okazis la invado, antaŭ la timigitaj, aŭ konsentemaj, okuloj de la oficiala Eŭropo. Anglio k Francio protestis «energie». Jen ĉio! Ĉu jam estas malfrue por klaraj protestoj? Eble!... ĉar la bruna Germanio fortikigas sian forton per aldono de kelkaj milionoj da aŭstroj sur la multaj milionoj da germanoj. Ne sufiĉas jam protesti! Kiam, oni cedas k cedas heziteme al krimoj k aŭdacaj provokoj, la normala sekvo estas fatala pereo de la rajto sub la barbareco.

Ĉu ne estas tio mem, kio nun okazas?...

Filozofo aŭ poeto diris, ke la popoloj ne pereas pro maljuneco, sed nur pro malindeco. Kaj nun, la solaj popoloj, el la mondo, kiuj donis lecionon de kuraĝo k digno estas Ĉinio k Hispanio. Sen emfazo nek ploremo, ili ambaŭ suferas k dronas en sango, sed ili batalas k luktas, por pruvi al la venontaj generacioj, ke ne ĉio estis putra k haladza en la jaro 38 a el la 20.a jarcento!

Ho, kia tre mizera spektaklo aperas en la tutmonda scenejo: Komplotoj k ruzaj intrigoj en la kancelarioj; kvereloj k stultaj diskutoj—k eĉ disputoj—pri evolucio aŭ revolucio en la popolaj amasoj, dividitaj laŭ dekstraj k maldekstraj aloj, svingante, ĉiu el ili, la prozon de teoriaj principoj, kiam komuna drako malfermas la faŭkojn, por engluti la principojn k ties defendantojn... Ĉu jam la biologia evoluo estas tiel granda, inter homo k animalo, ke perdiĝis la fundamenta instinkto pri memdefendo? Ĉu en la politika kampo, la popoloj jam submetiĝis al fatalismo de sia propra pereo? La respondo estas jesa, almenaŭ laŭŝajne k, eble post nemulta tempo, laŭfakte ĉar tio, kio estis, en la komenco, facile solvebla, hodiaŭ postulas riverojn el sango. Eĉ estas en gravega danĝero la efiko de ĉiuj oferoj, kiujn por ni faris la sennombraj pioniroj k martiroj, tra la historio de la sociaj movadoj! Ĉu venos ĝustatempe decida reago?

Se tio ne okazas; se ne vekiĝas la dormanta konscio de vastaj amasoj, laŭ voko de honestaj voĉoj; se oni ne agas urĝe k aŭdace—treege rapide!—baldaŭ regos la nigra paco de la morto sur la kampoj de Eŭropo, kie galopos funebre la ĉevalo de Atilo, sur kies hufosignoj neniam plu kreskos jam la herbo de plej eta espero.

# LA ŜAFIDETO

En Hispanio ankoraŭ flagras la fajro de kruela milito, inter la despotismo k la libereco. Tra la fluoj de tiu abomeno, floris—unu el multaj—la modesta violeto de jena epizodo, tre simpla k tre mirinda, kiu okazis jam antaŭ kelkaj monatoj, kiam la popolo anstataŭigis, per abunda heroeco, la malabundon de taŭga armilaro:

Tie, inter la abruptaj rokoj de monto el sektoro najbara al Madrido, je pli ol du mil metroj malproksime de la plej antaŭaj parapetoj de la Respubliko, ses homoj, ses milicanoj, tute apartigitaj de sia divizio, komencis sperti la sekvojn de malprudenta kuraĝo. En tiu avangarda punkto, senespere ili jam vidis rampi la noktojn el du longaj tagoj de malsato k izoliteco.

La reveno estis neebla. La ebenejo, kiun ili nepre devus surpaŝi, estis furioze celtrafita de la faŝista mitralo. La ses soldatoj—armeeto de la libereco sur romantika insulo—ĵetis avidajn rigardojn, al la linioj de siaj malproksimaj kamaradoj, por iel esprimi naivajn demandojn pri pano.

Subite, inter ilia ŝirmejo k la proksimaj malamikaj tranĉeoj, ekmoviĝis blanka makulo. Ĝi estis ŝafido, tre bela ŝafeto, kiu, indiferenta al la plumbo de kugla siblado, promenigis la tufojn el sia lano tra la nenies tereno de la batalkampo.

La ses viroj samtempe eksentis la skuon de sama emocio.

—Jen ŝafo! Abunda viando por satigi nian malsaton!... Rapide, sen reciprokra interkonsento, du el ili saltis ekster la parapeton k marŝis renkonte al la besto, dum la ceteraj kvar amikoj protektis la movojn de la ĉasantoj, per daŭra pafado.

Post dek kvin minutoj, la besteto — tremetanta k spireganta — kun brulantaj okuloj, pro flamo de teruro, kuŝis tie mem, ĉe la izolita parapeto, kvazaŭ konvulsianta frandaĵo por la manĝegemo de ses homoj.

—Oni devas ĝin forbuĉi—ekproponis heziteme unu el la milicanoj.

—Jes, oni devas ĝin forbuĉi!—ripete diris la aliaj.

—Nu, sed kiu estas la bucisto?

Antaŭ la regantaj silento k senmoveco, kiuj sekvis la inviton, iu ajn riskis starigi decideme la problemon.

—Ĉu neniu el vi kuraĝas ĝin forbuĉi? —Mi, ne!

—Nek mi. —Nek mi.

—Nek mi. —Nek mi.

—Do, mi ankaŭ ne! — diris la demandinto.

Kaj tiuj ses viroj—ses kuraĝuloj—kiuj angore suferis, pro malsato k danĝero, rezignis manĝi por ne enigi la klingon de siaj bajonetoj en la tremantan kolon de la blanka ŝafideto...

## Unua Tradukada Tasko

Kun la celo pruvi, en arangota ekspozicio, la disvastigitecon de Esperanto k la utilan servon de nia gazeto, en la lukto kontraŭ la Faŝismo, varme ni rekomendas la tradukadon de ĉi tiu bela artikoleto—vera k naive emocia epizodo—al ĉiuj legantoj, kiuj kapablas aŭ iel povas plenumi tiun komision. Post la traduko en sian nacian lingvon, oni devas tre zorge aperigi ĝin sur unu aŭ pliaj gazetoj, el kiuj nepre ni devas ricevi du kompletajn ekzemplerojn. Al tiu ĉi traduka tasko estas speciale invitataj la legantoj el Oriento k tiuj, kies lingvoj estas malmulte konataj. Eĉ, kiel propagandaj motivoj, estus al ni tre ĝoje rigardi hispanlingvajn tradukojn en sudamerikaj ĵurnaloj k revuoj. Al ĉiuj tradukintoj ni sendos agrablan donacon! Post tri monatoj, ni aperigos liston de lingvoj, gazetoj k landoj. Komencu jam tuj la laboron! Diskonigu la humanan karakteron de nia milito, helpante samtempe la popularigon de Esperanto tra la popolaj amasoj de Hispanio!

LA REDAKCIO

# HISPANIO ESTAS BELEGA LANDO!

La Nederlanda Komitato, por Helpo al Hispanio, publikigis broŝuron, el kiu ni ĉerpas jenan parton:

Ĉiu, kiu foje jam vizitis Hispanion, scias ke ĉi tiu duoninsulo estas vere belega, sed... al kiuj ĝi apartenis? Grandparte nur al kelkaj familioj. Kion ili faris por florigi k eduki la landon? NENION!! Tutaj kampoj ne estis tute kulturataj k restis sovaĝigitaj. Multaj posedantoj preskaŭ neniam vizitis siajn posedaĵojn k lasis ilin regi al siaj administrantoj, kiuj ne dubis ege ekspluatadi la humilajn kamparanojn.

Tiuj, kiuj akceptis la altajn postulojn de la terposedantoj, apenaŭ sufiĉe enspezis por vivi tre mizere, malgraŭ ilia pezega laboro!! Ili ofte ne povis pagi la farmon, je kio ili estis devigataj; tiam ili laboris senpage unu aŭ du tagojn semajne sur la kampo ekspluatata de la posedanto. Ĉu vi scias kiel loĝis la malriĉa kamparano kun siaj parencoj? Kutime en malgranda farmetaĉo, kies eniro estis truo en la muro. Tra ĝi enirante vi venas en la stalo, kie estas du aŭ pluraj kaprinoj. Malfirma ŝtuparo gvidas al supra etaĝo, celanta esti la loĝejo, dormejo k kuirejo de la tuta familio. Ne estis eble por tiuj kamparanoj vivi aliel. La terkulturistoj, kiuj laboris por la terposedantoj, ne vivis pli homece. En multaj regionoj, ili laboregante dum tuta tago nur enspezis 2 pesetojn. Per tiu sumo ili devis subteni ofte longan familion. La posedantoj insiste rifuzis aplikadon de akvokondukaĵoj, kiuj grandigus la fruktedonecon de la tero k tiam plibonigus staton k kondiĉojn de agrokulturo. Miloj k miloj da hektaroj de bona grundo restis nekulturitaj k multaj laboristoj, kiuj povus ĝui bonstaton, restis en mizeraj cirkonstancoj. La monarkiaj registaroj ne multon faris por tion ŝanĝi. Ili ŝajne estis kontentaj pro la stato reganta la popolon k la landon. Ili ne disponis monon por plibonigoj, ankaŭ ne devigis la terposedantojn homecigi la vivkondiĉojn de la laboristaro. Por ĉio ĉi ili ne havis monon, sed... por kio estis la mono? Por la Armeo! Oficiro estis en Hispanio socia pozicio, kiun, preskaŭ ĉie, elektis ĉiu dua filo el kapitalista familio, ĉar laŭleĝe la unua filo ĉiam estas la heredonto de sia patro. Tial estis en la armeo 21.000 oficiroj k 130.000 soldatoj. Tio signifas ke ĉiu 6 soldatoj havis... oficiron!! k ĉiuj 150 militistoj, generalon!! Tiu komandantaro perlaboris treege bonajn salajrojn. kiuj forkonsumadis 75 % el la buĝeto por militaj aferoj.

Ne nur ignoris la tiamaj registaroj la agrokulturon, sed ankaŭ multajn aferojn oni tute ne atentis, k tiel ekestis stato, kiu estis mokego al la moderna scienco k ties aplikado. La analfabetismo en iu ajn lando, ne pli bone floris ol en Hispanio. En 1920, 50 % el la loĝantaro ne scipovis legi nek skribi; ĉu estas mirinde, ke en 1931. k 1936. la plejmulto voĉdonis demokratece? Ili atendis plibonigojn en ĉiuj aferoj. Ĉu estas mirinde, ke la popolo subite fidis Registaron, kiun ili mem elektis? Registaro kiu garantiis la liberon, la ŝirmadon pri kio la leĝo temas!! La popolo ekvidis certe, kun espero, ke finfine io efektiviĝis el siaj planoj k revoj. Ili havis motivojn por tio. Pri tiuj kaŭzoj en sekvonta artikolo!

Kompilis, PETRO DE L' BRETO
Amsterdam

# AMIKOJ, PRI KIUJ NI FIERAS

Tre ofte ni sciiĝas pri digna konduto de kamaradoj en eksterlando, kiuj profitas ĉiun okazon por montri sian malŝaton al niaj malamikoj. Jen bela pruvo, inter multaj, kiun ni ĝojas nun reliefigi.

Nia ŝatata korespondanto k-do Frank Reginald Banham, loĝanta en Melbourne (Aŭstralio) ricevis, antaŭ nemulte, belan turisman kompilaĵon en Esperanto, el la Itala Turisma Servo; li tuj respondis per sekvanta teksto:

«Mi forte dankas vin pro tio, ke vi tiel afable k volonte sendis al mi la Esperanto-eldonojn de viaj fierinde perfektaj turismaj kompilaĵoj. Ili estas preskaŭ nerezisteble allogaj; mi montras ilin al miaj amikoj k sopiras la tempon, kiam mi per la karnaj okuloj vidos la realajn lokojn de tia beleco.

Nur unu afero mirigas min; supermezure mi miras! Kial lando, kiel la via, tiom belega k benita per natura riĉo, povas tamen naski animojn tiel sensentajn, ke ili vidas nenion malhonorigan en la ago invadi najbaran fratan landon, por tie buĉi kuraĝajn homojn, detrui antikvajn konstruojn k atenci kontraŭ la libereco mem. Sed feliĉe, ĝi naskis alispecajn animojn, kiuj per sia heroa sango, sindoneme elverŝita, penas forviŝi la makulon...» (*)

Ĉu ni ja ne rajtas fieri pri tiaj amikoj, kiuj racie aplikas siajn sentojn k alte honorigas sian esperantistecon antaŭ «propagandaj» blufoj de tiranoj?

(*) Aludo al la italaj volontuloj en la internaciaj brigadoj de la Popola Armeo.

# INTERNACIA JUNULARKUNVENO EN NEDERLANDO

La redakcio de «La Juna Vivo» en kunlaboro kun «La Norda Stelo» Esperanto-organizo en Norda Holando, organizas junularkunvenon en Groet (Komunumo de Schoorl).

Povas partopreni gejunuloj de 12 ĝis 18. jaroj, kiuj sufiĉe bone parolas Esperanton. Jam anoncis sin pli ol 70 gejunuloj el Francio k Anglio. Plej verŝajne ankaŭ venos infanoj el aliaj landoj. Kompreneble, el Nederlando, partoprenos multaj. La kunveno daŭros unu semajnon (10. ĝis 17. Aŭgusto).

La kostoj estas tre malaltaj: Nederlandanoj pagas 7'50 guldenojn. Alilandanoj 3'50 guldenojn. La Komunumo de Schoorl senpage disponigas lernejon, kies ĉambroj estos uzataj kiel dormejoj. Oni tagmanĝos en Junulara Domo.

Por pliaj sciigoj turnu vin al

«LA JUNA VIVO»
WEST-GRAFTDYK (Nederlando)

# JOZEFA

Jen estas vulgara nomo de virino. Ĝi ne havas elegantan mallongigon, sed ĝi ne bezonas tion por esti tre delikata k belsona.

Kiu estas Jozefa? Ŝi estas iu hispana virino. Eble, kiel ŝi estas multaj, sed ankaŭ, kiel ŝi, ili havas malmultan reliefon pro sia modesteco. Ŝi ne estas alta nek malalta; ŝi ne estas tre bela, sed ankaŭ ne malbela. Kun daŭre agrabla mieno, ŝi estas jam plenaĝa k iomete grasa. Aliaj knabinoj el sama aĝo jam edziniĝis; ŝi ankoraŭ ne. Ŝi perdis sian amatan fianĉon, kiu mortis sub faŝista tanko, en la ĉirkaŭaĵoj de Madrido, la unuajn tagojn de la ribelo. Neniu vidis ŝin plori! Kion ŝi atingus per tio? Tamen ŝi multe memoras pri li...

Ŝi loĝadis en Madrido, dum la angoraj tagoj de la proksimeco de la faŝistaj hordoj. Estis necese sin defendi, konstrui barikadojn k ŝoseojn. Dum kelkaj tagoj, en volonta laboro, ŝi transportis sur siaj fortaj koksoj sakojn da sablo por konstrui defendaĵojn. Multajn tagojn, pli poste, ankoraŭ ŝi sentis sin dolorplena pro la eksterordinara k streĉa klopodado.

Diligente ŝi obeis la ordonojn pri evakuado de la ĉefurbo k translokiĝis al Valencio. De tiam ŝi estas nia najbarino. Tre frumatene ŝi iras labori en militmateriala fabriko, kie ŝi ĝuas tre bonan amikecon kun siaj ceteraj kamaradinoj. Ŝia laborvico produktas 150 °/₀ da normala laboro. Nun, kiel fidinda k zorgema laboristino, ŝi jam apartenas al brigado de pulvomanipulado. Kiam ŝi finas tiun taskon, ankaŭ estas necese aĉeti manĝaĵojn, zorgi pri sia maljuna patrino, purigi domon, vestaĵojn k manĝilojn. Tamen, krom tio, ankoraŭ restas energioj, k ĉiuvespere, ŝi helpas nin en plej variaj laboroj de la redaktejo de POPOLA FRONTO.

Fervore ŝi aranĝas monkolektadojn, kiuj atingas baldaŭ atentindajn sumojn, por niaj kuraĝaj batalantoj. Antaŭ kelkaj tagoj ŝi aperis nekutime pala. Kial? Ŝi sciis, ke oni bezonis volontulojn, kiuj donacu sian puran sangon por gravaj vunditoj. Oni analizis ŝian sangon k oni trovis ke ĝi estas bona. En kelkaj fojoj, ŝi fordonacis jam pli ol unu litron.



La laboro estas universala motoro

Nur antaŭ kelkaj semajnoj, ŝi komencis lerni legi k skribi. Tiel ĝojigaj estas por ŝi la sukcesoj atingitaj, ke ŝi, kvazaŭ knabineto, al ĉiuj montras la kajeron kun siaj skribaĵoj.

Ŝi ja tre emas aŭdi la popolfrontajn oratorojn, sed kredeble, ŝi tre milde ĝojas sciante, ke ŝi oferas multe pli ol ili mem postulas!

Jam vi konas iomete nian kamaradinon. Multaj aliaj hispanaj virinoj havas similan historion. Ne nur estas herooj niaj soldatoj en la batalfronto, haltigante la invadon per nesufiĉa materialo. Ne nur la maristoj ĵus droniginta j la piratan ŝipegon «Baleares». Ne nur la aviadistoj, ĉiam akceptante batalon kontraŭ 4-foje pli multnombra faŝista aviadilaro.

Tiu videbla heroeco ne estus ebla, sen la mirinda k anonima heroegeco de tiuj virinoj, kiuj asekuras militmaterialojn, purajn vestojn k ŝuojn por batalantoj, zorgojn por maljunuloj k infanoj, mildan amon por ĉiuj, kroman laboron por ĉio utila k eĉ la ruĝan sukon de siaj vejnoj por la vunditoj. Ili estas elito de la popolo; tiu popolo, kiun ni defendas plenkonscie ĉar ni ne bezonis multe serĉi por trovi pravigon al niaj celoj. En nia propra redakcia hejmo, ni havas ĉarman specimenon, kiun hodiaŭ sincere ni omaĝas. Kara Jozefa, *salud!*

Ernesto GUILLEM
Vicadministranto de POPOLA FRONTO

**Hispanio, laŭlonge de pezaj monatoj, sub cinika invado, insiste avertas ĉiujn popolojn pri la kanajla farso de tiuj regantoj, kiuj stultigas la noblajn impulsojn kaj sanktajn fervorojn de siaj regatoj per frazoj perfidaj! La tradicia malamiko de ĉia progreso k libero, kun moderna nomo de Faŝismo, uzas tre lerte siajn maturajn spertojn por sklavigi la animojn k dolorigi la korpojn de ĉiuj popoloj. Paŝon post paŝo, kvanzaŭ makiavela ŝakludanto, ĝi akiras solidajn poziciojn, sur la politika tabulo de Eŭropo, kun la intenco doni definitivan frapon al la Civilizo, senbridigante la terurojn de plej barbara milito, kies ĉefaj viktimoj estos precize tiuj naivaj pacifistoj, kiuj pro timo, aŭ skrupulo, ataki friponojn, estos devigataj sin defendi—en tre malfavoraj kondiĉoj—je la abomenaj atakoj de tiuj friponoj, kiuj ne ricevis oportune la adekvatan punon!**

# MULTE PLI GRAVA ESTAS NUN LA FREMDA MATERIALO...

Laŭ fluso k malfluso de la okazintaĵoj en la hispana milito, la ideo pri retiriĝo—pli aŭ malpli simbola—de la tiel nomataj volontuloj, estas nun afero je dua grado. La fripona politiko pri la Ne-Interveno liveras la bastardajn fruktojn, kiujn nature oni povus atendi. Problemoj, kiuj hieraŭ ŝajnis fundamentaj, aperas hodiaŭ preskaŭ sensignifaj, pro la pezo de lastaj cirkonstancoj, de horo al horo pli malfacilaj k tragikaj. Akceptante, kiel faktojn, ĉiujn ofendojn al la Juro Internacia—kurteno por kaŝi plej monstrajn krimojn—la Komitato de Londono havas la specialan virton studi la solvon de ĉiu problemo, kiam tiu problemo jam tute ne gravas. Tio mem okazas nun kun la pretendema retiriĝo de la volontuloj. Foriro aŭ restado de la fremdaj soldatoj jam influas malmulte en nia konflikto. La problemo nun estas alia! Pri tio ekzistas absoluta unuanimeco. Teruel falis, ne antaŭ soldatoj, sed nur antaŭ lavango de abundega materialo, kiun la ribeluloj ricevis ĝuste, kiam la demokrataj registaroj, laŭ decidoj de la Komitato, plifortigas unu fojon pli sian «heroan» sintenon obstine malhavigi al la Respubliko ĉiujn defendilojn, kiujn ĝi rajtas akiri per sia mono. Tamen estas konvene, iomete klarigi niajn vortojn pri la sengraveco de la foriro de ĉiuj fremdaj legioj. Kiam ni diras, ke ĉi tiu afero kuŝas nur sur dua vico, ni volas diri, ke la damaĝo, kiun ni suferas pro la ĉeesto de tiuj «volontuloj» estas malpli granda ol la avantaĝo, kiun la ribeluloj gajnas pro la ricevo de militmaterialo, laŭ impona kvanto, el Italio k Germanio. Tia estas nia konkludo! Por sama problemo ne kongruas malsamaj difinoj. Eksterlanda varo ne mankas al la reakciaj ribelintoj, sed la enhavo de la varo ŝanĝiĝas, laŭ postulo de la cirkonstancoj. Kiam Franko bezonis soldatojn, li ricevis kompletajn diviziojn; kiam li bezonas kanonojn, akurate elŝipiĝas, en la faŝistaj havenoj, plej modernaj baterioj. Pri tio ne zorgas la Komitato! Ĝis kiam, la Respubliko ne sukcesis forĝi la brigadojn de regula Armeo, estis decida la premo de la fremda soldataro. Sed en Eŭropo, sciante tion pli bone ol ni mem, oni ne volis konfesi la invadon. En tiu direkto estis vanaj ĉiuj klopodoj por juste ekzamenigi la situacion. Estis necesa la fondiĝo de la Internaciaj Brigadoj—ĝentila k vere volonta partopreno de homoj el ĉiuj kontinentoj, kiuj petis postenon por morti defendante la liberecon—por atenti la ekziston en Hispanio de fremdaj elementoj k ruze komenci la ludon pri ties retiriĝo. Ĉe oportuna tempo, tiu diplomata distro povus esti efika. Sed, hodiaŭ ne! Hodiaŭ, la problemo pri la eksterlandaj soldatoj ne apartenas jam al la unua vico. La ĉefa afero estas nun la rekta interveno de eksterlanda armilaro, kies tekniko vekas scivolemon ĉe tiuj ministroj mem, kiuj ŝajnas ne vidi la meĥanikan invadon. Neniam estis konfuzaj la konturoj de nia konflikto, sed ili atingis jam la plej helan aŭreolon. Hodiaŭ, antaŭ montoj de kanonoj, aviadiloj k tankoj, paroli pri eksterlandaj soldatoj, sen mencio pri la eksterlanda materialo, estas moko k ofendo. En longa ĉeno de tia sperto, sinsekvas rikane la provokoj, kiuj puŝas nin pli forte plenumi nian destinon: batali ĝis venko aŭ ĝis pereo, por gloro de nia popolo k por honto de tiuj, kiuj faris nenion por eviti tion...



La Komitato ekzercas pri la ansera paŝmaniero

# LA SINDIKATOJ AKTIVE AL UNUECA AGADO

En nia antaŭa numero, ni publikigis la bazojn, kiujn la Ĝenerala Unio de Laboristoj prezentis, por pridiskutado, al la Nacia Konfederacio de Laboro. Kiel promesite, hodiaŭ ni kopias, por niaj legantoj, la proponojn, kiujn C. N. T. faris al la U. G. T. Post tiu interŝanĝo de notoj, la konversacioj komenciĝis, k nun vigle kontinuas, por atingi konkretajn decidojn al efektiva kunagado, sub minimuma komuna programo.

## LA C. N. T. RESPONDAS AL LA U. G. T.

La C. N. T. k la U. G. T. kun la sama k daŭra celo: firmigi la konkerojn de la proletaro, ĉu politikaj ĉu ekonomikaj, atingitaj dum la revolucio k kun la aspiro superi ilin, plifortigas la ekziston de la Nacia Interliga Komitato de ambaŭ Organizoj, per jenaj bazoj:

1.—La U. G. T. k la C. N. T. interkonsentas pri la efektiva partopreno de la Sindikataroj en la nacia regado, sen forigi, laŭ proporcio, la aliajn politikajn fortojn ne specife laboristaj.
2.—Nun k ĉiam, la C. N. T. k la U. G. T. plenkonsentas pri defendo de socia reĝimo de vera demokratio, kontraŭ ĉia tuteca pretendo de klaso aŭ partio.

### PRI NACIA DEFENDO

1.—C. N. T. k U. G. T. decidas fortikigi ĉiujn ristotojn por ebligi la ekziston de potenca regula armeo, kiu efike estu garantio pri venko en la nuna milito k por ĉiu ebla milito ekstera, konsekvence de tiu finvenko.
2.—La du Organizoj deziras la pluan ekzistadon de la Milita Komisararo, kiu estu plivigligata, kun ĉiuj antifaŝistaj fortoj reprezentataj en ĝi, sen monopolo de iu ajn tendenco.
3.—C.N.T. k U.G.T. postulas starigon de Sub-Sekretariejo de Militindustrio, en kiu estu reprezentataj la Registaro k la Sindikataroj.
4.—En ĉiu Sub-Sekretariejo de la Defenda Ministerio, oni kreu Konsilantaron, kunlaboranta k celanta eviti ĉiujn partiecajn decidojn.
5.—La transport-elementoj bezonataj por militaj celoj, estos metataj je la dispono de la Registaro, escepte tiuj postulataj de la industri-bezonoj, por eviti kolapson ĉe la produktado.
6.—En ĉiuj armitaj fortoj, kreiĝos Nacia Konsilantaro, reprezentante proporcie la antifaŝistajn amasojn k havanta oportune kontrolan funkcion.

### PRI EKONOMIO

1.—La industrioj produktantaj militmaterialon, estu rapide naciigataj, sub la administracia k teknika respondeco de la Nacia Konsilantaro pri Milit-industrio, celante la starigon de propra sufiĉa produktado, por eviti al la lando ĉian eksteran premon.
2.—Oni speciale akcelos la naciigon de la minoj, fervojoj, peza industrio, bankoj, telefono, telegrafo k navigacio.
3.—Dum oni preparas la naciigon de la Bankoj la Ŝtato garantios la prunton de kreditoj al la Kolektivigoj, permesnte intertempe la funkciadon de la Sinkikata Banko, nun preparata de ambaŭ organizoj.

Por la efektivigo de tiu plano pri naciigo de la industrio, same kiel por la realigo de Ĝenerala Ekonomia Plano, estas postulata la fondiĝo de Nacia Ekonomia Konsilantaro en la Ŝtato, konsistigata de ŝtataj reprezentantoj k delegitoj de la koncernaj Sindikatoj.

Tiu Nacia Konsilantaro planos la nacian ekonomion, gvidos la produktadon, la distribuadon, la krediton, la salajrojn k la tutan komerc-aferon, utiligante ĉiujn necesajn servojn, kiujn oni starigos por la bona funkciado de la sistemo.

La du Sindikataroj zorgos pri reĝustigo de salajroj, cele al tio, ke tre baldaŭ la laboristoj havu garantion pri kapablo plenumi siajn bezonojn k fizike povi efektivigi la taskon k klopodojn, de ili postulataj en la laboro. Tiucele, kreiĝos Miksa Komisiono pri Salajroj k Laboristara Kontrolo, kiu dependos de la Ekonomia Nacia Konsilantaro.

La Ekonomia Nacia Konsilantaro starigos servon pri Inspektado de la Laboro k penos inokuli, ĉe funkciuloj k teknikistoj, saman spiritostaton pri fortostreĉo, kiel tiun de la manlaboristoj.

Al la teknikistoj, ĉu de la Kolektivigoj, ĉu de la Ŝtato, oni donos ĉiujn, ilojn k elementojn por studi k agadi favore al plej ebla rezultato de ilia scienca laboro, laŭ kvanto k kvalito.

Ambaŭ organizoj fondos en la Kolektivigoj, la Labor-inspektadon k ĝeneralajan normojn, taŭgaj por bonfamigi la moralon de la produktantoj k havantaj la celon atingi tujan superproduktadon.

La laboristaj organizoj establos lernejojn por profesia kapableco k teknikajn lernejojn, kun subvencio de la Ŝtato.

La Registaro respektos k favoros pri la Nacia Ekonomia Konsilantaro, kiu ligas la popolan agadon kun la ŝtata, kiel vivanta organismo, kiu estos konsistigata de personoj, morale k teknike kapablaj.

### ĈE LA AGROKULTURADO

La C. N. T. k la U. G. T. deklaras, ke la tero k la subtero estas nacia posedaĵo, k tial ili konsentas:

1.- La tero estos fruktuze liverata al la Sindikatoj, prefere la Registaro favoros la kolektivigojn de la du organizoj U. G. T.-C. N. T., per kreditoj, teknika helpo, centroj por sperta kapabligo k por komerca ekspansio.
2.—Nur oni agnoskos la ekziston de la individua fruktuzanto, kiu laboras por propraj celoj, sen ke sub kiu ajn preteksto, oni akceptu la eksplualadon de salajruloj.
3.—La Nacia Konsilantaro pri Ekonomio progresie celos la industriigon de la Agrokulturado k havos kiel financan bazon la Bankon de Agrokultura Kredito, dum oni efektivigas la naciigon de la Bankoj.

### KOLEKTIVIGOJ

La C. N. T. k la U. G. T. konfirmas la ekziston de la Kolektivoj k tendencas al ampleksigo de la sistemo, kiu pruviĝas praktike la organizformo de la laboro plej taŭga por la temperamento de la hispana proletaro. Sekve, ili aspiras:

1.—En la industrio, en la kamparo k en la komerco, kie ne estas naciigo de la afero, ambaŭ Organizoj defendos la Kolektivojn k faros politikon celantan plenan agnoskon leĝan k juran.
2.—Estos agnoskita al la Kolektivoj la rajto organizi sin, kreante propran ekonomion, alĝustigante sin al la ŝtataj dekretoj pri impostoj.
3.-La Konsum-Kooperativoj, kiel ia provizora formo de kolektivigo, estos disvastigataj k protektataj de C. N. T. k U. G. T., por kontraŭstari la nunan spekulacion k venki la burĝan spiriton ĉe la detala komerco; estos postulata la revizio de la ekzistantaj leĝoj pri kooperativoj.

### KOMUNUMIGO

U. G. T. k C. N. T. decidas pri komunumigo:

1.—Estos komunumigataj ĝenerale la loĝejoj, escepte la domoj deklaritaj nacia posedaĵo k tiuj kun malalta rentumo.
2.- La publikaj ordinaraj servoj k tiuj, kiuj ne damaĝante alies interesojn, prezentas sin kiel subigeblaj al la organizkapablo de la Komunumoj, por la ĝenerala bono.
3.—La Saniga Servo k la Sociala Helpo, tiamaniere ke la koncerna komunumigo ne ĝenos la leĝojn de la Ŝtato.

### KOMERCO

La C. N. T. k la U. G. T. konsideras, ke necesas urĝa revizio al la nacia leĝaro, tiel ke estu formale agnoskitaj la progresoj de la revolucio, nuligante la balaston de la malnovaj leĝoj por eviti la revenon de la ekspluatantaj klasoj.

1.—Leĝigo pri la laborista kontrolo ĉe la entreprenoj, kiuj ne estas nun rekte administrataj de la laboristaro.
2.—Leĝigo pri la akcident-asekuroj k pri sociala antaŭzorgado, ebligante al la laboristoj ne suferi nek malsati, okaze de akcidento, malsano aŭ maljuneco; favorigante klopodojn de la du Sindikataj Organizoj al tiuj bonfaraj celoj.
3.—Ĉar la instruado estas fundamenta faktoro en la reedukado de la hispana popolo, oni kreos Nacian Miksan Konsilantaron, sub la ŝtataj instancoj, kun kompetentaj reprezentantoj de la Sindikataroj, uzante taŭgajn procedojn, plene raciaj k akordaj kun la sciencaj k moralaj progresoj promesitaj de la revolucio.
4.—Speciala leĝaro rilate la eksterlandajn firmojn, ekzistantaj en Hispanio, ĉesigante ilian agadon k nuligante la kontraktojn, kondiĉe ke la justaj plendoj estu atentataj.
5.—Likvidigo de la tuta leĝaro civila, komerca k kriminala, malfermonte oportune novan konstituciigan periodon, kiu aplikos la popolajn aspirojn en Socialista, Damokrata k Federacia Respubliko.

La C. N. T. k la U. G. T. interkonsentas decidan helpon en ĉiuj direktoj, ĉu politikaj, ĉu komercaj, ĉu militaj, ĉu industriaj, plivigligante la laboron por akceli la rapidan finvenkon en la milito kontraŭ la invadintoj.

Ĉiuj organismoj kreataj aŭ kreotaj, kun la suprediritaj celoj, estos partoprenataj de delegitoj de ambaŭ Sindikataraj Organizoj, proporcie laŭ ilia membro-nombro k laŭ la loko k afero, en kiu tiuj organismoj intervenos k funkcios.

La du Organizoj deklaras, ke la proletaro estas kiu ple sindone subtenas la batalon k evitas la moralan, politikan k ekonomian disiĝon de la lando; tial ke estos la proletaro, kiu rekonstruos ĝin, surpasante la kadukajn formojn, ambaŭ proletaraj Organizoj rajtas interveni rekte en la administracio de la lando, per si mem aŭ per tiuj, kiuj ili konsideras esti iliaj legitimaj reprezentantoj.

La C. N. T. k la U. G. T. avidas la tujan aplikon de ĉiuj klaŭzoj de tiu ĉi dokumento, konsistigante senprokraste ampleksan Popolan Fronton Antifaŝistan, kun reorganizo de la Registaro, partoprenata de ĉiu sektoro aŭ partio laŭ sia potenco, nombro k influo en la popolo.

La du Organizoj postulas absolutan liberon por esprimi pensojn, parole k skribe, ĝis tia grado, ke ĝi ne povu damaĝi la superan intereson de la milito. Ili ankaŭ petas liberigon al ĉiuj antifaŝistaj arestitoj, konsiderante ke en la revolucio estis pasiaj ekscesoj, sed ne deliktoj.

### FINVORTOJ

Jen estas la konkludo al kiu ni alvenas, post ekzameno de la bazoj de la kamaradoj de la U. G. T. k komparo kun tiuj prezentitaj de la C. N. T. en Junio 1937.

Ĉio ĉi supre estas bazo por pridiskuto, inter la respondenculoj de ambaŭ Sindikataroj k rezulto de la limigoj, kiujn la C. N. T. sin altrudas. Ni ne dubas, ke tiu principo estos akceptata de la kamaradoj de la U. G. T. k ke oni alvenos al konsentaj punktoj, ebligantaj realigi la aspirojn de la hispana proletaro, kiu volas solidan unuiĝon de ambaŭ Organizoj en la agado por marsi rapide k entuziasme, spite al ĉiuj baroj, sur la vojo de la venko.

# Pastroj en la Popola Armeo

La hispana Respubliko, eĉ en mezo de flamoj, respektas kredojn k opiniojn. Neniu religiano suferas persekutojn pro sia religio, se li ne uzas ĝin kiel armilon kontraŭ la popolo. Fervoraj katolikoj batalis, en la baskaj tranĉeoj, defendante la liberecon, apud konvinkitaj ateistoj. Al neniu oni malhelpas ŝpini preĝojn nek iel praktiki religiajn servojn, kvankam oni bone scias ke, antaŭ ol la milito, la preĝejoj estis nestoj de konspiro, kiuj transformiĝis poste en aktivaj parapetoj kontraŭ la proletaj rajtoj aŭ kontraŭ la legitimaj leĝoj. La hispana katolikismo estis ĉiam la neado de la kristanismo. Ofendinte la memoron de sia fondinto, ĝi flatis la malsatigantojn k rifuzis ĉian kontakton kun la malsatantoj. Multaj modestaj pastroj—sub akuzo je herezo, pro amo al popolo, pro apliko praktika de siaj doktrinoj—suferis rigorajn ekskomunikojn de kardinaloj k ĉefepiskopoj, kiuj cinike parolis pri persekutoj, kiam ili mem ne povis jam normale persekuti...

Kaŝinte la socian karakteron de la faŝista ribelo, ili pretendas gajni triviale la simpation de la eksterlandaj religiemaj amasoj, prezentante la defendajn fortostreĉojn de tuta popolo, kiel antireligian buĉadon. Per objektivaj refutoj, ni jam malkovris diversfoje la mensogojn de tiu ruza metodo. Hodiaŭ, la Ministerio pri Nacia Defendo forviŝas lastan dubon, pri tio, per humana regulo el freŝa dekreto rilate la militservon de pastro-rekrutoj:

> «La Rekrutoficejoj nepre destinos nur al sanitaraj servoj ĉiujn rekrutojn, atestantaj pri sia fakta kondiĉo de pastro el iu ajn religio.»

Jen la antireligiemo de nia antifaŝismo! Por la Registaro ne ekzistas klerikoj nek laikoj; nur civitanoj kun samaj devoj k rajtoj! Se oni ordonas la militistan mobilizon de unu jarkontingento, tio koncernas ja ĉiujn virojn je sama aĝo, sen atento pri iliaj religio, partio aŭ profesio. Sed ekzistas tamen homoj, kiuj, per sia pastreco, faris solenan voton pri nemortigo. Kaj la Respubliko, reĝimo, kiu se havas erarojn, ili ĝuste temas nur pri toleremo k troa respektemo, atentas tre delikate ankaŭ la moralajn skrupulojn. Tial, la junaj pastroj do, kiel hispanaj civitanoj, plenumos sian militservon sen svingi mortigilojn. Ili deĵoros en hospitaloj k klinikoj por mildigi la dolorojn de vunditoj! Kompreneble, je tiu favora escepto rajtas ĝuadi ĉiu sacerdoto, pastoro aŭ rabeno, eĉ bramano k lamao, se ili ekzistus en la respublikana zono. Kvankam la Ŝtato havas nenian religion—krom tiu pri libereco, progreso k laboro—ĉiun riton rajtas senti k praktiki la ŝtatanoj mem.

Ĉi tie, oni ne persekutas la ideojn sed nur la punindaĵojn. Eĉ pastroj k monaĥinoj povas esti utilaj al nia afero, se ne kiel pastroj k monaĥinoj, almenaŭ kiel viroj k virinoj suprenlevitaj al iu civitana rango, kiun neniam, ĝis nun, ili havis. Oni ne devigos ilin batali, sed konsoli tiujn, kiuj falis batalante por ankaŭ ne plu batali.

Ĉi tie, oni flegas la nesian konsciencon ĝis limoj, kiujn neniel kapablas mezuri la faŝistoj, ĉar ili ĵetas eĉ la pastrojn en ŝtormajn diviziojn, sen ia respekto por iliaj religiaj votoj, kiujn ili mem devus protekti multe pli ol ni, se ili ne estus—anstataŭ defendantoj—veraj profanantoj de la religio k de la patriotismo.



NEDERLANDA KUNLABORO

# NI JAM DISKUTOS PLI POSTE!

Kiel simpla membro el mia sekcio, mi opinias ankaŭ havi rajton esprimi miajn proprajn sentojn, des pli ke miaj opinioj estas tute liberaj je kiu ajn tendenco aŭ partia direkto, sed ili nur rilatas al tio, kio, laŭ mi, estas nuntempe nepre necesa por la tuta proletaro.

Unue, ni rigardu la okazantaĵojn, kiujn nun brulas en la mondo, k ni ĉiuj tuj konstatos, ke malgraŭ multaj partiaj aŭ religiaj diferencoj, nur unu tre danĝera malamiko—la Faŝismo—minacas ĉiujn proletajn partiojn k laboristajn fakunuiĝojn; tra kiuj penetras la ruĝa fadeno de la Socialismo.

Vi eble demandos: Per kio ni povos nin defendi kontraŭ tio? Nu, laŭ mia opinio, ni estas devigataj rezigni je ĉio, kio la ekzistantan unuecon povas rompi! Ni komprenu, ke ni devas apliki metodojn per kiuj bari la vojon al Faŝismo k eĉ venki ĝin.

Fakte, tio neniel okazos se ĉiu el ni nur atentas siajn personajn aŭ partiajn zorgojn, ne konsciante pri la ĝeneralaj interesoj de tuta nia klaso senescepte. Ne estas tempo por blovi malpacon pri eventualaj tendencaj diferencoj! La faŝista danĝero estas jam tro granda! Ni ne opiniu, ke tio ne minacas nin, nederlandanojn, ho ne, tute ne! Rigardu al Hispanio, kie oni jam longan tempon batalas kontraŭ komuna malamiko. En la komenco, la hispanoj ankaŭ estis dividitaj je diversaj ideologioj, sed ju pli la faŝistaj atakoj kreskis pli bone la popolo komprenis la bezonon formi unuecan fronton. Tiel forte ŝprucis tiu bezono, ke eĉ la tieaj anarkistoj akceptis la necesan disciplinon por atingi la venkon. Unueco estas forto! Ni, nederlandanoj, povas esti fieraj pri nia landa esperantista movado, ĉar kvankam Nederlando, kiel malgranda lando, estas nur punkteto sur la mondkarto, ĝi havas la plej grandan Esperanto-unuiĝon el ĉiuj nacioj. Do ni estu dignaj, pro nia ekzemplo pri esperantista unueco, sur aliaj branĉoj de la aktuala situacio.

Tamen, vi ne kredu, ke ĉio en nia Federacio plaĉas al mi. Mi mem staras kontraŭ la centralismo, sed komprenante, ke ĉiu apartigita organizo estas nur—kiel nederlanda proverbo diras—nuksoŝelo sur la maro, ni vere estas devigataj atenti la ventegon, kiu nin ĉiujn minacas. Ni agu prudente k taktike, klopodante nin ŝirmi per ĉiuj rimedoj, eĉ senĝene oferante iom por gajni multon: La pereon de nia plej kruela malamiko! Post tio, certe ni jam havos tempon por diskuti pri eventualaj aliaj aferoj. Post la triumfo, sed ne pli frue!

Pli bone estas venki per konscia disciplino ol perei pro ŝato al banalaj kvereloj. Ni atentu la saĝon de malnova konsilo, kiu avertas ne vendi la felon de la urso antaŭ ol ĝin mortpafi...

Komprenu, ke en tiu ĉi okazo, la urso estas la Faŝismo, k la felo estas la diskuto pri niaj internaj diferencoj. Mi ne volas pli longe enuigi vin. Mi volas nur averti, ke la sorto de la estonteco tute dependas de la nunaj agoj. Vi ne subfosu la unuecon, sed ĵaluze konservu ĝin. Sen komuna harmonio neniel povas ekzisti komuna efiko por la decidaj proksimaj tagoj!

Jacq. V. DUPAIN

Rotterdam (Nederlando).

Laŭ plendetala statistiko pri aeraj bataloj dum la jaro 1937., kiun oficiale publikigis nia ministerio pri Nacia Defendo, la nombro de lojalaj aparatoj faligitaj atingas ciferon de 92, laŭ jena listo:

Januaro, 5; Februaro, 5; Marto, 5; Aprilo, 4; Majo, Junio, 10; Julio, 20; Aŭgusto, 10; Septembro, 9; Oktobro, 4; Novembro, 3; Decembro, 9. Dum la sama tempodaŭro la faŝistaj aeroplanoj perditaj estas respektive: 24, 21, 18, 20, 6, 39, 78, 30, 24, 17 (Neniu en Novembro), 16. Entute, la faŝistoj perdis 293 aparatoj.

Jen pruvo de nia supereco tiurilate, spite al la senlima helpo, kiu havigas al ili senvuale pli grandan kvanton da aviadiloj ol ni posedas.

# MOZAIKO

● La nova ambasadoro de Meksikio en nia lando, kolonelo Alberto Tejada, komencis organizi starigon de infanejo por rifuĝintaj infanoj, kiun subtenos la ambasadoro de nia frata lando k la oficistaro de tiu ambasado. Ĝi estos instalita en ĉirkaŭaĵoj de Barcelono k estos nomata «Meksikio».

● La Komitato de la Federacio de Ministoj de South Wales (Anglio) decidis komenci aktivan kampanjon kontraŭ la politiko de Ĉamberlen'a Registaro rilate al faŝistaj diktatoroj. Esperinde, post la mitingoj, venos pli taŭga k aktiva agado.

● Ankoraŭ daŭras la luktado de grupoj da laboristoj, kontraŭ la faŝistoj, en la montoj de provinco Huelva. Post jaro k duono, la kuraĝaj tieaj laboristoj (ĉefe ministoj) ankoraŭ luktas. Jen pruvo: La faŝista gazeto ŝipanaro, sub protekto de la polico. Se ĉiuj laboristoj agus ĉie sammaniere, la rezulto estus pli efika.

● En nia lando oni konstruas, dum oni batalas; tio bone elmontras la veran aspekton de nia demokrata reĝimo. Nia ministro pri Agrokulturo ĵus sciigis per publika noto, ke nia Registaro ne nur provizis la kamparanojn per milionoj da pesetoj k per tre bezonataj semoj, sed nun oni liveras al kamparanoj tri dek modernajn traktorojn, kiuj estas sendataj al farmo-lernejoj k al la kampoj de Aragono k de Kastiljo.

● La faŝistaj landoj informas siajn popolojn tiel perfekte, kiel montras la itala gazeto *Il Popolo d' Italia*, kiu la 16. Februaro asertas, ke la ministro pri internaj aferoj en nia lando estas la komunista deputitino Dolores Iba- Okcidento ne disrompas la forton de iu *nevenkebla Germanio*, ĝi vere estos ĉiama minaco al la turmentata konscienco de Eŭropo, k tiu nevenkebleco estus fakte la plej tragika destino imagebla por la Homaro.» «Estas necese elmontri, per nerefuteblaj pruvoj, ke la eŭropa katastrofo estis senkatenigita de Germanio k, ke nur detruante la militeman Germanion ĝuos Eŭropo longan periodon de kvieteco.»

● Por kapabligi la plej lertajn kamparanojn, kiuj volas progresi en lernado de novaj metodoj por la terkulturo, la koncerna ministerio inaŭguris farmo-lernejon en Albacete, en bonega k vasta bieno, de pli ol 600 hektaroj, enhavanta ĉiuspecajn eblojn por novaj sistemoj de kulturado.

● Koincide kun la planoj por invadi k aneksi Aŭstrion, lastatempe multobliĝis la milita helpo de Hitler k Mussolini al hispanaj faŝistoj, kio rezultigis la nunan imponan ofensivon en Aragono. Freŝaj kontingentoj de italaj trupoj, ĵus alvenintaj, partoprenas en ĝi, kun novaj aviadiloj. Siaflanke la germanoj ekspedis abundajn aerajn eskadrojn k kontraŭaerajn baterioj. Ĉio ĉi, kune kun sennombraj kanonoj, semas ĉie la morton. Unu el tiuj italaj sendaĵoj alvenis en haveno de Cadiz, surborde de la hospitalŝipo *Gradisca*, eskortata de grupo da torpedŝipoj.

● La meksika proletaro celebris nacian kongreson k la sekretario de la

Frue en la mateno de la dimanĉo 6. Marto, la respublikana eskadro eltenis bravan batalon kontraŭ la tri ĉefaj faŝistaj krozŝipoj. Unu el la torpedoj, ĵetitaj de niaj detruŝipoj, trafis la admiralan ŝipon «Baleares» kiu, post bruega eksplodo, ekflamiĝis k finfine dronis sub la akvo. Anglaj ŝipoj savis parton el la ŝipanaro, kiu konsistis el 1100 maristoj, preskaŭ ĉiuj germanoj k italoj. La fanfaronaĵoj pri blokado al nia marbordo, ricevis respondon. Sur la ondoj de la Mediteraneo ne jam plu promenos senriske la provokemaj piratoj!

*La Union*, el Seviljo, publikigas: «Dum la operacio de la 6. Januaro, en la montoj de Huelva, montriĝis la kuraĝo de la civil-gvardistoj».

● Kiam en Tripoli (itala kolonio en Afriko) la itala ŝarĝŝipo *Lido* pretiĝis ricevi tri mil maŭrojn por transporti ilin al Hispanio, la popolo protestis manifestacie. La policistaro perforte devigis la protestantojn al disigo. Rezultis pluraj viktimoj: kvar arestitoj estis fusilmortigataj. Unu el ili estas la konata indiĝena estro El Aied. La loĝantaro de la urbo estas treege kolere ekscitita.

● En afrika haveno Tunizo alvenis la dana ŝipo *Kerla* ŝarĝita, je bananoj devenantaj el faŝista zono de Hispanio. La havenlaboristoj rifuzis labori en tiu ŝipo k la malŝarĝon faris la rruri (Pasionaria). Per falsaj informoj estas multaj popoloj tute venenitaj.

● Germana ministro Goering, ĵus diris dum parolado okaze de la datreveno de germana kreado de milita aviacio, ke «la germana aerŝiparo estas *Paca Armilo*». Miloj da virinoj k infanoj masakritaj en Hispanio atestas pri la vereco de tiu cinika deklaro. Sed la kulpo estas alies...

● En jaro 1915, Mussolini skribis en gazeto *Popolo d' Italia* la sekvantajn belajn esprimojn pri Germanio k la germanoj: «Eĉ post la subskribo de la packontrakto, la vorto *Germanio* estos malbenata de la civilizitaj popoloj; mi estas preta abomeni la socialismon post la milito, se oni devigas min konsideri tiujn murdistojn k rabistojn kiel fratojn.» «Se la popoloj de tiea Konfederacio de laboristoj insistis pri faŝista danĝero por Meksikio; li bedaŭris la sintenon de Britio k aliaj demokrataj landoj, permesantaj pasive la detruon de Hispanio, k instigis ĉiujn esti pretaj kontraŭstari la gravan minacon. Samtempe la Prezidanto Cardenas proponis aranĝon de tutmonda laboristara kongreso por efika agokontraŭ la malamiko. La antifaŝistoj, por defendi la rajton k la liberon, senĉese planas, dum faŝistoj agas.


OSSORIO GALLARDO
Katolika demokrato. Ambasadoro de la Hispana Respubliko en Parizo

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro . . | 119 | ptoj. |
| J. D.—Bazo 6.ª . . . . . . | 1 | » |
| J. A.—Bazo 6.ª . . . . . . | 10 | » |
| M. S.—Bazo 8.ª . . . . . . | 24'80 | » |
| F. R.—Sur Tajo.—Fronto. . | 5'05 | » |
| P. G.—Borjas Blancas . . | 6 | » |
| R. E.—Madrid . . . . . . | 10 | » |
| J. M. C. Barcelono . . . | 5 | » |
| M. T.—Torreblanca . . . | 10 | » |
| J. O.—Barcelono. . . . . | 25 | » |
| M. D'A.—Hijar . . . . . | 10 | » |
| M. D.—Villanueva Serena. . | 10 | » |
| A. E.—Reus . . . . . . . | 28 | » |
| S.—Cabeza de Buey . . . | 10 | » |
| E. H.—Villanueva Cordoba. | 25 | » |
| R. M.—Albacete . . . . . | 10 | » |
| B. K.—Paris . . . . . . . | 10 | » |
| Tr. Klubo.—Gotenburgo. . | 10 | sv.kr. |
| G. P. de B.—Enschede . . | 2'50 | gd. |
| B. H. L.—Rotterdam . . . | 2 | » |
| M. C.—Heerberheide . . . | 1'50 | » |
| S.—Amsterdam . . . . . . | 0'16 | » |
| G. J. de V.—Zeist . . . . | 0'50 | » |
| P. A. de K.—Hoorn. . . . | 0'50 | » |
| J. A. Y.—Batavia. . . . . | 2 | » |
| De J.—Amsterdam . . . . | 0'45 | » |
| V. J. L.—Wellington . . . | 15 | ŝil. |
| W. J. B.—Nelson. . . . . | 2 | » |
| W. J.—Salford . . . . . . | 5 | » |
| P. G.—West Harlepool . . | 1 | » |
| F. Th.—York . . . . . . . | 10 | » |
| A. R.—Glasgow. . . . . . | 2'6 | » |
| J. W.—Johnstone. . . . . | 2'6 | » |
| W. C. B. — St. Leonards on Sea . . . . . . . . | 2 | » |
| B. M.—Cowdenbeath . . . | 1 | » |
| B. E.—Cardiff. . . . . . | 2 | » |
| F. S.—York . . . . . . . | 1 | » |
| A. C. S.—Victoria . . . . . | 16'8 | » |
| J. G.—Winnipeg . . . . . | 1 | dol. |
| H. N.—Kaleva. . . . . . | 1 | » |
| J. Z.—Nipigon . . . . . . | 3 | » |
| F. V.—St. Etienne . . . | 50 | ffr. |
| Gr. Esp. Ouvrier.-Orle[illegible] | 5 | » |
| J. L.—Pouy . . . . . . . | 10 | » |
| Gr. Esp. Breton -Quimper . | 21 | » |
| T.—Pont de Buis. . . . . | 5 | » |
| R.—Pont de Buis . . . . . | 5 | » |
| L.—Pont de Buis. . . . . | 5 | » |
| O. k H. M.-Poilly s/ Seine. . | 20 | » |
| L. L.—Wervicq Sud. . . . | 4 | » |
| J. B.—Bousbecque . . . . | 16 | » |
| Gr. Esp. Lannemezan . . | 55 | » |
| R. H. 3.ª donaco. . . . . | 10 | » |
| F. L.—St. Mere Eglise . . . | 20 | » |
| M. L.—Lyon . . . . . . . | 25 | » |
| M. R.—Paris . . . . . . . | 15 | » |
| D. D. Boitsfort. . . . . . | 10 | b.fr. |
| L. D.—Dison . . . . . . . | 3'50 | » |
| O. F.—Ensival . . . . . . | 5 | » |
| X.—Rixensart. . . . . . . | 5 | » |
| V. P.—Rixensart. . . . . | 10 | » |
| J. G.—Rixensart . . . . . | 15 | » |
| Grupo Frateco.—Dison . . | 10 | » |
| J. K.—Jupille . . . . . . . | 7'50 | » |

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

HISPANIO.—K-do Jose Lozano, str. Viladomat, 295, 2.°, 1.ª, Barcelona, dez. kor. kun ĉiulandaj esperantistoj. Nepra respondo.

HISPANIO.—K-do Trinitario Martinez, 18 jara, San Antonio, 26, Callosa de Segura (Alicante), dez. kor. kun ĉiulandaj k-dinoj k interŝanĝi diversajn aĵojn. Certa respondo.

FRANCIO.—K-dino Marcelle Robineau, 4 rue General Malleterre, Paris 16., dez. interŝanĝi P. K. k P. M. kun gekamaradoj el ĉiuj landoj.

FRANCIO.—Kiu bonvolos al mi havigi. la numerojn 2, 5, 6, 8, 9, 12 de «Popola Fronto», kiuj mankas al mia kolekto? Se eble, ne difektitaj. Laŭvola rekompenco. Adreso: Robert Varie, Trianou, Loiret.

FRANCIO.—K-do Gustave Farenc, 53 rue Brise Pain, Orleans (Loiret), deziras interŝanĝi p. m. kun k-doj de ĉiuj landoj.

## ABONMANIERO

Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Ni elektis tiun sistemon ĉar tiel, ĉiu kroma sumeto de tiuj, kiuj povas pagi iomete plie, ebligas la ricevon de agrabla legaĵo al multaj, kiuj pro senlaboreco, aŭ aliaj kaŭzoj, ne povas pagi sian propran kotizon. Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu ajn el niaj internaciaj agentejoj:

ĜENERALA INTERNACIA ADRESO
nur por mono
GUSTAVE FARENC
53, Rue Brise-Pain
Poŝtĉekkonto 13944 Orleans
ORLEANS (Loiret) FRANCIO

NEDERLANDA ADRESO
nur por mono de holandanoj
PETRO van der PLANK
Van Speijkstraat, 48-1
poŝtĝiro 245542
AMSTERDAM W. Nederlando

BELGIO
K-DO M. DELFORGE
33, Rue de Heigne
Postĝiro 199106
CHARLEROI

ANGLIO
K-DO O. MELTON
23 Fowler Str. Nechells
BIRMINGHAM 7

SVEDIO
ARBETAR ESPERANTISTEN
Barnhusgatan 8 ö. g. n. b.
Postĝiro n.° 53411
STOCKHOLM

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA
**POPOLA FRONTO — Mar, 25, Valencia (Hispanio)**

# INFORMEJO

## ONI SCIVOLAS PRI:

K-do Jose Vergara, kies lasta adreso estis: Sanidad Montaña, 28 Division, 127 Brigada Mixta, Nueno Huesca.

K-do Nicolas Heuschen, kies lasta adreso estis, 15.ª Internacia Brigado, Albacete.

K-do Paul Larcher, kies lasta adreso estis: S. R. I. plaza Altozano, ĉambro 4133, Albacete.

K-do Jose Mesado, esperantisto batalanta, lastatempe, en la fronto de Teruel.

K-do Elkum Wendkos, kiu forlasis Usonon dum la lasta somero k aliĝis al Abraham Lincoln-Brigado. De tiam, lia familio nenion aŭdis pri li.

## ONI INFORMAS, KE

La nova adreso de k-do Eliecer Masia estas: str. Margarita Nelken, n.° 17, Benquerencia (Badajoz).

# POPOLFRONTA LETERUJO

J. E.—Trondheim.—Ricevitaj la ekzempleroj kun viaj artikoloj, pri la rolo de Esperanto en Hispanio dum la milito, en kiuj vi mencias la laboron de la diversaj Esperanto-gazetoj en nia lando. Ni dankas k gratulas viajn klopodojn.

J. A.—Base 6.ª—Ricevita via monsendo k tiu de via amiko, kies mendon pri sendo de Esperanto-gramatiko ni plenumis. Dankon!

M. C.—Herstal.—Jes, kamarado, vi povas sendi al ni la leterojn por via frato, kiujn ni peros. Pri la k-do kiun vi mencias, ni publikigas anoncon en «Informejo».

J. F.—Albacete.—Ni ricevis vian leteron k dankas ĝian enhavon, notinte viajn dezirojn pri perfektigo de viaj lingvokonoj, kio plezurigas nin. Saluton!

M. G.—Besancon.—Ricevita via letero kun versaĵo, kiun ni kun plezuro publikigas k dankas.

F. R. B.—Melbourne. Via afabla letero bone alvenis. Viajn sciigojn ni legas kun ega intereso. Fragmenton el ĝi ni aperigas ĉar ĝi estas vere interesa. Ni esperas, ke vi estos indulgema k pardonos la mankon de permeso, kiun ni ne petis pro nia deziro ne prokrasti la aferon. Tutkoran saluton!

I. A.—Londono.—Via p. k. bone trafis nin. Ni notas vian novan adreson, kien ni sendos la gazeto. K-doj Bosch, Salom k. a. dankas k reciprokas vian saluton.

B. A. — Gotenburgo. — Via letero, kun mondonaco, kiun ni kvitancas aparte, estas ĉe ni. Okaze de nova monsendo, ni petas sendi ĝin al nia peranto en via lando. Vian adreson ni liveras al koncerna servo, kun peto pri sendo de propaganda materialo.

F. V.—St. Etienne.—Ni ricevis vian leteron k monsendon, kiun ni dankas. Okaze de nova sendaĵo, ni petas ĝin sendi al nia peranto en via lando. Viaj konsideroj pri la situacio estas pravaj k ni ilin atente legis. Tutkore ni salutas vin.

J. B.—Londono.—Novaj «gutetoj» alvenis kun viaj du leteroj. Ni sendos la gazeton laŭ via deziro. Viajn varmajn frazojn ni dankegas. Tutkoran saluton!

G. Z.—Stockholm. Ni dankas viajn sendon k laŭdajn vortojn. Ni sendos la gazeton laŭ viaj indikoj.

J. E.—Trondheim.—Responde al via p. k. ni instigas vin al daŭrigo de via propaganda tasko. Ni transdonis vian adreson al koncerna servo por sendo de petita materialo. Kamarade ni vin salutas.

R. V.—Trainou.—Ni aperigas anonceton laŭ via peto. Viajn kuraĝigajn frazojn ni estimas. Popolfrontan manpremon!

S. B.—Goteborg.—Kun intereso ni legis vian leteron k dankas ĝian enhavon. Al k-do Gascon ni jam sendis vian leteron. Saluton!

J. S. Oerebro.—Ni ricevis vian leteron kun r. ku. k artikolo. Ni sendos la gazeton laŭ via peto. Tutfratan saluton!

B. B.—Macon.—Kun ega k neklarigebla prokrasto ni ricevis vian leteron. Per aparta poŝto ni sendas al vi broŝurojn, kiuj liveros al vi la deziratajn informojn.

K. W.—Rindsholm. Ni ricevis vian leteron kun kelkaj adresoj, al kiuj ni sendos la gazeton. Ni dankas reciproke vian saluton.

J. V. D.—Rotterdam.—Kun vera emocio ni legis vian leteron. Kvankam iom mallongigita via artikolo aperas en ĉi tiu numero. Viajn klopodojn ni dankegas k instigas vin al senĉesa laborado.

J. G.—Winnipeg.—Nin emociigis la enhavo de via letero. Salutu nianome la aliajn k-dojn. En koncerna rubriko ni kvitancas la ricevon de via monsendo. Saluton!

V. P.—Leningrado.—Ni ricevis vian leteron k dankas vian propagandan laboron. Certe vi povas sendi legaĵojn por batalantoj. Ni disdonos ilin. Vian saluton ni reciprokas.

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia